FEN X

ESPERANTO NEDERLAND

*Forumo de Esperanto Nederland*

**www.esperanto-nederland.nl**

Dumonata membrogazeto de *Esperanto Nederland.*
ISSN 1384-6515
Membroj de *Esperanto Nederland* ricevas la gazeton; ĝi estas aparte abonebla nur por ne-membroj en eksterlando. Tarifo EUR 17,50
Por tiuj, kiuj tion bezonas, son-kasedoj kun la enhavo estas haveblaj. Informojn donas la sekretario.

**Redakcio:**
<redakcio@esperanto-nederland.nl>
Gerrit Berveling
Van Vredenburchweg 435
2284 TA Rijswijk, Nederlando
+31 (0)70-2134914
<gerritberveling@ziggo.nl>.

**Esperanto Publike:** Gazetartikoloj ktp estas bonvenaj ĉe la redaktoro Gerrit Berveling, same kiel informoj pri mencioj de Esperanto en radio kaj televido. Bonv. indiki detalojn.

**Lingva rubriko:**
Emiel Van Damme,
Albert I-straat 44,
BE 1703, Schepdaal, Belgio.

**Teknika redaktoro:**
Julia De Coster, Esperanto-Centro Antverpeno.

**Presado:** Flandra Esperanto-Ligo, Antverpeno.

**ESPERANTO NEDERLAND**

**Prezidanto:**
vakas

**Sekretario** PROVIZORE vi uzu la adreson de Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>

**Membro-Administranto:** Remment Balk, Egeïschestraat 42, 8303 EN Emmeloord. Tel.: 0527-23 93 78. <membroj@esperanto-nederland.nl>.

**Kasisto:** Wald ten Hagen, Noordeinde 27, 1141 AG Monnickendam, <kasisto@esperanto-nederland.nl>.

Bankkonto: 78 68 44 167 nome de Esperanto Nederland, Monnickendam; UEA-konto: esne-h.

**Informado/informmaterialo:** Ineke Emmelkamp, Arubastraat 12, 9715 RW Groningen.
Tel.: 050-57 18 842. <info@esperanto-info.nl>.

**Studie-weekeinde:**
<studsemajnfino@esperanto-nederland.nl>
aŭ Marijke Lathouwers, Kruiszwin 1205,
1788 LE Den Helder, Tel.: 0223-64 37 81.

## DATOLIMO

Materialo por la venonta numero estas bonvena ĝis la fino de novembro. Sendu ĝin kiel eble plej frue, tiam vi ege helpas nin.

## ENHAVO

## SUR LA FRONTPAĜO

Madzy van der Kooij faris kelkajn fotojn pri unu el niaj libroŝrankoj; Julia De Coster artisme kunmetis kelkajn fotojn.

Kiam Esperanto estis ankoraŭ tre juna, en 1895, en la tiama movada revuo Esperantisto okazis debato, en kiu L.L. Zamenhof skribis i.a.: "Agadi per lernolibroj, anoncoj k.t.p. estas tre bone kaj necese; sed tio ĉi devas havi lokon *apud* la literaturo kaj ne *anstataŭ* la literaturo."

Tiutempe Zamenhof agadis por literatura eldonado, kiun li nomis la "Biblioteko". Li skribis eĉ: "Floros la "Biblioteko", floros ĉio – falos la "Biblioteko", falos ĉio…"

Kaj en la 30aj jaroj Kalocsay transprenis tiujn vortojn, kaj agadis laŭe – same poste plurfoje denove ofte okazis. Ankaŭ ni en la nuno ege emfazas tiun gravecon: nur per anoncoj, nur per instruado Esperanto ne antaŭeniros – nepre necesas ankaŭ literaturo: do LEGU, AĈETU, DISVASTIGU nian literaturon !

Gerrit Berveling

## DE VIA REDAKTORO

En decembro tradicie okazas la Zamenhoftago, kaj estas nia Esperantuja "nacia" kutimo, ke okaze de tiu tago ĉiu esperantisto aĉetu minimume unu Esperanto-libron. Kaj kiel ĉe la frontpaĝa klarigo mi jam rimarkigis, nur aĉeti libron ne sufiĉas – oni ankaŭ legu la librojn!

Kaj kio estus pli bona okazo por tion realigi ol kunveni kun samideanoj kaj komune eklegi kaj se eble iom prikomenti la legaĵon ?

Nu, ĉi-jare vi havas veran bonŝancon. Estas ĉi-jare kun mallonga tempa distanco minimume du ebloj :

Aŭ vi povas iri al IEI en Riouwstraat 172, Den Haag, kaj kontribui al via klerigado per ties programo – la 14-an de decembro 2013 kiel pasintnumere vi jamlegis, de 10.00-17.00 d-ro Christoph Klawe el Trier, Germanio, parolos pri la Svisa esperantisto/kuracisto Aŭgusto Forel, -- aliĝo ĉe s-ro Ed Borsboom: tel 030-2202673

aŭ ed.borsboom@versatel.nl oni ankaŭ vidu la retejon de IEI: www.iei.nl --

Aŭ vi povos veni al nia hejmo, Van Vredenburchweg 435, Rijswijk, sed por ke la datoj ne koliziu, ni prenis daton sufiĉe pli fruan: nia Librolegado okazos la 23-an de novembro 2013, de 11.00-15.00. Tagmeze ni planas simplan manĝon kun pano, fromaĝo kaj simile – sed vi nepre bonvolu anticipe sciigi, ke vi venos – alie ne eblas la manĝada prizorgado; do antaŭ la 21-a de novembro vi anoncu vian partoprenon ĉe tel 070-2134914 aŭ gerritberveling@ziggo.nl . Mi proponas al ĉiuj, kiuj tion ŝatas, tre rabatitan ekzempleron de Couperus – Fatalo; mallonge mi enkondukos la romanon, kaj poste kune partetojn ni legos kaj – ankaŭ laŭplaĉe lingve – prikomentos. Eventuale ankaŭ aliajn librojn tie vi popvos trafoliumi kaj eble eĉ prunti …

Gerrit Berveling / Madzy van der Kooij

P.S. Ĉar la nuna numero montriĝas fariĝi pli dika ol antaŭvidite, ni ŝovas la rubrikon « revuoj ricevitaj » al la sekva numero.

Gerrit Berveling

## EL MIA LETERKESTO

1] La slogano por oktobro-novembro-decembro 2013 titolas "Estu homa" kaj spekteblas en nia retejo: http://movado-sen-nomo.kunvivanto.de/ aŭ mallonge: http://msn.kunvivanto.de/

Bonvole sciigi al ni vian plej aktualan retadreson, por ke ni ne perdu kontakton.

Proponoj por la kalendaro de 2014, kiu baldaŭ alproksimiĝas aŭ inspiraj rakontoj ĉiam bonvenas! Simple sendu ilin.

Kore antaŭdankas,
La teamo de Movado sen Nomo
http://www.ipernity.com/home/msn

2] Juna Tanzania studento, Samwel Hans Dismas, deziras korespondi kun du nejunaj nederlandaj esperantistoj. Lia retadreso: samwelhans@gmail.com

## DE LA ESTRARO

En la pasinta estrarkunveno oni decidis, ke estonte aperos en nia revuo ĉiam minimume iom en la Nederlanda lingvo – oni tuj povos konstati tion ĉi-numere. Vi same trovos protokolon pri la pasinta jarkunveno kaj jam anoncon pri la venonta.

Krome ŝajnas al ni, ke por pluraj homoj la nomo de nia revuo FEN-X kiu intencis montri, ke ni origine estas Federacio de Esperanto-organizaĵoj en Nederlando ne estas plu klara. Tial ni invitas vin ĉiujn sendi proponojn por pli taŭga nomo de nia revuo – ni povus fari el ĝi konkurson, kun kiel premio la eblo elekti libron el nia ne-oficiala libroserva stoko. La redaktoro plusendas ĉiujn al speciala artikoleto lia pri Fenikso… vidu tie!

Alia afero, kiun la estraro volonte substrekas, estas ke ofte ne estas sufiĉe da – bonkvalitaj – fotoj. Do vi amase bonvolu sendi tiujn al la redaktoro !

---

**Protokolo de la 22a ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland, okazinta la 22-an de junio 2013 de 10.00 h ĝis 12:30 h en "Vergadercentrum Vredenburg", Vredenburg 19, 3511 BB Utrecht.**

### 00. Akcepto

Pri la akcepto respondecis Ans Bakker- ten Hagen kaj Els van Dijk. Ĉeestas 35 partoprenantoj, kiuj kunportis 4 mandatojn. Do, entute ĉeestas 39 validaj voĉoj.

### 01. Malfermo.

Ineke Emmelkamp malfermas je la 10:30 la kunvenon. Ŝi bonvenigas ĉiujn, dirante ke ŝi ĝis nun neniam gvidis kunvenon kaj esperas, ke venontjare alia persono estos prezidanto.

Momento da silento estis por niaj mortintaj membroj, nome: S-ino T.Hiemstra-Brakema, s-ino R.Heide, s-ro G. Timmerman, S-ro R.C. Rademaker, s-ro G. Verheule, s-ro B. van der Hey kaj s-ro O. Akkerman. Starante ni memoras ilin.

Poste la prezidantino instalis voĉdonkomisionon: Arjen-Sjoerd de Vries kaj Anneke Schouten-Buys.

### 02. Fikso de la tagordo

Ĉar Els van Dijk frue devas foriri, la Premio Verloren van Themaat venos post numero 7.

### 03. Protokolo pri la 21-a ĝenerala kunveno en 2012.

Ne estas komentoj pri la protokolo. La protokolo estas akceptita. La prezidantino dankas la protokolistinon.

### 04. Agadraporto pri 2012

Ĉi-jare Joeri Smolders kompilis ĝin, kun helpo de multaj aliaj. Ineke Emmelkamp kore dankas lin.

La agadraporto estas akceptata.

Ans Bakker konstatas, ke ni ĉiuj multe faris, certe la estraro. Ŝi kore dankas ĉiujn.

### 05. Financaj raportoj pri 2012

5.1 Peter den Breems raportas, ke la kaskomisiono pere de diversaj detal-demandoj sondis la fidindecon de la raportaĵo de la financa stato de Esperanto Nederland. Ili rekomendas al la kunveno malŝarĝi la kasiston pro la ĉi-jara laboro. La membroj malŝarĝas la

kasiston aplaŭdante.

5.2 Wald ten Hagen raportas, ke la rezulto en 2012 estis € 6.607,--.. La rentumo montras diferencon de € 3.200,--. Debitoroj, kreditoroj kaj rentumo de la jaro 2012 ne estas notitaj en la librotenado de ĉi tiu jaro sed en la sekvonta jaro.

Marijke Lathouwers demandas pri la kotizo de la komerca ĉambro. Ĉi-jare ĝi estas € 0,0. La kasisto respondas ke la enskribiĝo ekde nun estas senpaga.

80 Membroj nun povas uzi la rajtigilon por pagi. Peter den Breems mencias, ke kelkaj simple ne volas uzi ĝin. Ili kompreneble povas pagi en la malnovmoda maniero. Nur 71% pagis sian kotizon. Gerrit Berveling demandas, ĉu oni scias, kial la aliaj ne pagis. Nur pro maljuneco? Wald ten Hagen respondas, ke ili ne scias. Ineke Emmelkamp aldonas ke la estraro faris sian eblon. Gerrit Berveling diras, ke tio ne estas kritiko.

**06. Proponoj**

6.1. Propono de la estraro: fikso de la kotizoj por 2014. La estraro proponas ne ŝanĝi la kotizojn: la propono estas akceptita. En la tagordo estas erare menciita la jaro 2013.

6.2. Buĝeto kaj laborplano 2013. Estas aprobita. Peter den Breems demandas pri la rentumo. La rentumo de 2012 estos en la ciferoj de 2013. Temas pri la periode 2013 – 2016.

6.3 Pri la katedro: UEA transprenis la juran respondecon. UEA pagas jare € 10.000,--. Esperanto Nederland volas dum 5 jaroj garantii maksimume € 10.000,-- jare. La membroj akceptas la proponon; 2 kontraŭas, 3 sindetenas. Temas pri la periode 2013 – 2016.

Ronaldo Nobel demandas kiom da membroj estas: 274. Do oni fakte multe pagas popersone.

**07. Elektoj.**

7.1. Laŭstatute oni devas skribe voĉdoni; sed la membroj povas laŭstatute decidi, ke tio ne necesas. Ili decidas ke tio ne necesas.

Wald ten Hagen estas reelektebla kaj reelektita. Novaj estraranoj estas Joeri Smolders kaj Pieter Engwirda. Ili mallonge prezentas sin. Do, la estraro estas nun kvinpersona. Pieter Engwirda mencias Madzy van der Kooij kiel protokolistinon. Ineke Emmelkamp mencias, ke ankaŭ Rudi Koot kaj Arjen-Sjoerd de Vries multon faras por la estraro. Ŝi diras, ke ĉiuj estas bonvenaj ĉe estrarkunvenoj, ankaŭ se oni ne deziras aliĝi la estraron. Ideoj ĉiam estas bonvenaj.

7.2 Gerrit Berveling denove estos membro de la kaskontrolkomisiono. Jeannette Bosse kaj Peter den Breems demisias. Loes Demmendaal kaj Bert de Wit anoncas sin kaj estas elektitaj.

7.3 Arbitracia komisiono: la samaj personoj restos denove. Ili estas membroj de Esperanto Nederland: Marc van Oostendorp, Anneke Schouten-Buijs kaj Johan Swenker. Anneke Schouten demisias, sed estas relektebla kaj reelektita. Ili en tiu komisiono havas nenion por fari ĝis nun.

**08. Verloren van Themaat-premio.**

La ĵurio, kiu konsistas el Els van Dijk, Joke Hoobroeckx kaj Kees Hoeijenbos atribuas la premion al Marlijne Hemelaar. Ŝi kelkfoje verkas artikolojn en Linguaan. Bedaŭrinde ŝi ne ĉeestas. Ŝi ricevos diplomon kaj monsumon de € 250,00.

**09. Informado pri diversaj temoj.**

9.1 Wim Jansen donas mallongan retrospektivon. Li okupas sin pri tiu laboro dum 11 jaroj. Li donis 18 kursojn, 11 pri interlingvistiko, 7 pri Esperanto.Tiuj pri interlingvistiko estis komence plej ŝatata. Kvin jarojn poste estis kursoj pri Esperanto. Post 2007/8 ne plu necesas daŭra varbado. Entute ekzameniĝis 213 studentoj. 107 pri interlingvistiko kaj 106 pri Esperanto.

La dua kolono, apud la unua instruado, estas esplorado. La unua estas pli facile mezurebla. La duan oni kutime mezuras je publikigitaj paĝoj. Ankaŭ pri tio li sukcesis: li publikigis 3 librojn. Li ankaŭ verkis plurajn ĉapitrojn en aliaj libroj aŭ broŝurojn, artikolojn kaj recenzojn. Ĉion oni povas retrovi en la cirkulero, kiun li sendis tra la movado. La kvanto nuntempe estas io sankta en la universitatoj; li mem ne tro ŝatas tion. Li publikigis en Esperanto studies En Linguistics li publikigis detalan artikolon de pli ol 30 paĝoj.

Li prezentas siajn lastajn du librojn – ne beletraĵojn. Unuaj estis du kurslibroj: 280-paĝa libro pri interlingvistiko. Komence estis lozaj paĝoj, nun estas vera libro. La dua estas 85-paĝa kurslibro pri Esperanto. Estas kompletigo al la lernolibro de Marĉek. Ambaŭ estas lukse binditaj libroj. Ĝi estas akompana libro al la gramatiko, kiu eksplikas la gramatikon. La tria volumo temas pri la administra flanko de la katedro ; la kvara aperos fine de la somero. Ĝi enhavos la cirkulerojn, kiujn li sendas tra la movado. La adiaŭon lekcion li havos la 27-an de septembro je la 16:00 horo en Agnietenkapel en la Nederlanda lingvo. Poste estos akcepto. Estos broŝuro kun la teksto de tiu lekcio, do la kvina volumo de lia papera postlasaĵo. Li specife alparolos la ne-universitatan publikon. Rudi Koot demandas, ĉu la libroj estas aĉeteblaj. Ili ne estas. Tio estas afero de mono. Li eldonis nur en kvanto de 20 ekzempleroj. Temas pri memorekzempleroj. La enhavo estas konsultebla sur la reto: edukado.net. Bert de Wit demandas ĉu estas ideoj pri intervjuoj, rilate al la adiaŭo lekcio. Li ne scias ĉu la universitato havas ideon. Bert de Wit donos sugeston al Wim Jansen. Ans Bakker faras ĝeneralan rimarkon. Ŝi ŝatus memorigi ke en iu antaŭa jarkunveno oni iniciatis la katedron (oni komencis per Stichting Esperanto bij het onderwijs). Ŝi deziras persone danki ĉiujn kiuj faris tiom da laboro por la katedro: IEI en la persono de Hans Eras-

mus, Wim Jansen pro la maniero en kiu li plenumis tiun taskon. La estraro konsentas la vortojn de Ans Bakker. La prezidantino dankas al Wim Jansen. Ŝi esperas ke ŝi baldaŭ povos ekkoni la novan profesoron

9.2 Pieter Engwirda parolas pri ĝemelaj urboj. Li ŝatas la kontaktojn de ĝemelaj urboj: la bazo estas ke la homoj havas kontaktojn kun homoj de aliaj urboj. Oni lernas pri aliaj urboj kaj kutimoj. Kutime estas lingvaj problemoj, sed pere de Esperanto tio estas pli facila. UEA nomumis sinjoron WU Guojiang el Ĉinio kiel komisiiton pri ĝemelaj urboj. Li redaktas la eldonaĵojn. Pieter Engwirda opinias, ke retpaĝo estus taŭga nuntempe. Li do parolis kun Osmo Buller. Plano estas nun en Vikepedio fari paĝon pri Ĝemelaj urboj. Li faros paĝon kun Rob Keetlaer pri ĉiuj ĝemelaj urboj. Se oni ekzemple klakas sur Alkmaar, oni vidas ankaŭ Darmstadt, ktp ktp. Estas demandilo pri la propra urbo; oni povas plenigi ĝin dum ekzemple klubvespero. Tio estas por pliperfektigi la paĝojn en Vikepedio.

**08. Daŭrigo de tiu punkto**

Els van Dijk donas la Premion al Marlijne Hemelaar, kiu tamen ĵus alvenis. Estas granda surprizo por ŝi. Marlijne Hemelaar sentas, kvazaŭ ŝi ankoraŭ ne meritas tian premion. Ŝi kompreneble kore dankas la ĵurion.

**09. Daŭrigo de 09**

9.2 Anneke Schouten iom rakontas pri ĝemelaj urboj. Ŝia klubo jam plenigis la liston. Ŝi instigas ĉiujn plenigi la liston.

9.3 Rob Moerbeek parolas pri la ideoj de Jo Haazen pri 'Proponoj pri la Univerala Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj Devoj'. Li ne estas la ununura, kiu pri tio pensas. Multaj profesoroj konsentas. Kontraŭe Humphrey Tonkin avertas UEA ne fari tion. Nuntempe oni ne multe povas atendi de UN, en la epoko de novaliberalismo kaj fundamentismo. Inidividue aŭ klube oni povas rigardi, kion fari, eble kontakti la belgan klubon.

9.4 Ineke Emmelkamp petas Ans Bakker veni antaŭen. Ŝi volas danki Ans Bakker pro ŝia laboro kiel komitatano A kaj doni ŝin kelkajn donacojn. Ŝi donas libreton de Plint ; temas pri 'to do list'. Nederlandlingve : DOEN. En ĉokolado Ans Bakker ricevas telegramon de Jamin. Ŝi deziras al Loes Demmendaal multe da plezuro kaj sukceso kiel nova komitatano A.

Kelkfoje estas esperantistoj, kiuj ne estas membroj de Esperanto Nederland. Ineke Emmelkamp faris blokojn de flugfolioj. Oni povas disdoni tiujn. Estas ekspliko pri la neceso ekhavi pli da membroj. Multaj aferoj ne plu povus okazi sen Esperanto Nederland. Ankaŭ por la amikoj de Esperanto Nederland ŝi faris ion, do estas du specoj de varbaj materialoj.

**10. Jubileantoj**

Wim Baris estas dum 50 jaroj membro. En 1964 li jam ĉeestis kongreson. En 1965 li ekstudis por la diplomo LO. Li memorigas Marianne Vermaas, al kiu li multe dankas. Li ricevas diplomon kaj UEA-kuponojn.

Oni ankaŭ donas atenton al 25-jaraj jubileantoj. Tiuj jubileantoj ĉiuj ne ĉeestas, sed ricevos karton

**11. Ronddemandado**

Ineke unue priparolas alian afero: jarkunveno en alia formo; Franklin van Zoest proponis tutan semajnfinon kun tranokto, por allogi pli da homoj. Oni povus kombini tion kun studsemajnfino. Bert de Wit volas sondi, ĉu estas jam ideoj pri programeroj. Se jes, oni diru al Franklin van Soest aŭ Bert de Wit. Rob Moerbeek sugestas ke estu alvoko en Fen-X.

Pieter Engwirda aldonas ion pri ĝemelaj urboj. Antaŭ esperantistiĝo li jam estis aktiva en ĝemelaj urboj. Pere de tio li konatiĝis gesinjorojn Erasmus kaj ankaŭ eklernis Esperanton. Komisiito por tiu afero ne plu sufiĉas, sed komisiono estas bezonata. Li sugestis tion al UEA.

Wim Baris demandas, ĉu eblas ricevi novan membroliston. Ĉe Remment Balk oni povas peti tion.

Rob Moerbeek disdonis enketilon nome de NGGE. Li esperas ke oni plenigu ĝin. La 5-an de oktobro NGGE havos studtagon; eble de 2014 oni kombinu kun Faulhaber. Li montris Gazeto de Esperantista Vegetarano. Ankaŭ novaĵo de Taalverdediging, kiu volas defendi la statuson de la Nederlanda lingvo, ne plu uzante tiel ofte la anglan.

Bert de Wit mencias artikolon pri 'Domo de Eŭropo historio en ekzilo'. Futurisma ekpozicio de disfaliĝo de EU. En Volkskrant oni ne konas Esperanton. Li reagis tuj, ke la lingvo estas Esperanto. Ĉu aliaj reagis?

La 7-an de julio estos Rootsfestival en Amsterdam, kie li havos budon. Ĉiuj estas bonvenaj.

Ronaldo Nobel sciigas, ke ĉijare denove aperos la libreto de Pasporta Servo. Oni povis anonci sin.

Yahoo-groups estas bona ideo por rapide kontakti multajn homojn. Li kontaktu Joeri Smolders; tiu ja okupas sin pri la modernaj amaskomunikiloj. Cetere li konstatis, ke la studsemajnfino okazos samtempe kun tago de NEJ. Pli bone eviti tion.

Rob Moerbeek anoncas ke la 7-an de septembro estos festo pri la 100-jariĝo de la Pacpalaco en Hago. Estas en la angla, sed estos stando pri Esperanto.

Unu de la membroj atentigis la estraron je la novaj reguloj por ANBI. La estraro ricevis kaj pristudos ilin.

**12. Fermo**

La prezidantino fermas la kunvenon je la 12:30; ŝi dankas multajn kunhelpantojn: protokolistojn, organizantojn de studsemajnfinoj, membro-administrado ktp.

Je la 14-a ĉiuj estas bonvenaj en Kargadoor por la koncerto de Kajto.

MvdK, Utrecht/Rijswijk

Enkele hoofdpunten uit dit jaarverslag: ondanks de minimale bezetting van het bestuur, waren er in ons land toch genoeg activiteiten mogelijk om onze idealen her en der te laten klinken. Er zijn enkele nieuwe bestuursleden gekozen.

Het belangrijkste besluit van deze ledenvergadering was, de mede-financiering van de Leerstoel Interlinguïstiek en Esperanto ook de komende periode weer te dragen. UEA is de wettelijke partner die met de UvA een en ander regelt.

Pieter Engwirda legt uit, wat hij doet aan het project Stedenbanden i.v.m. Esperanto.

Gerrit Berveling

---

**La ĝenerala kunveno de Esperanto Nederland okazos la 21an de junio 2014, de 10.00 h ĝis 14.00 h.**

La protokolo de la pasinta kunveno vi jam trovis en tiu ĉi numero, por ke ankaŭ membroj, kiuj ne povis ĉeesti jam nun legu pri la kunveno. La tagordo kaj aliaj dokumentoj por la kunveno en 2014 aperos en la venontaj FEN-X-oj.

Notu la daton de tiu kunveno! Ni jam ekpreparas la posttagmezan programon. Certe estos agrabla posttagmezo! Venu al Utrecht la 21-an de junio! En la venonta FEN-X pli da informoj!

Ineke Emmelkamp,
estraro Esperanto Nederland.

---

## ESPERANTO PUBLIKE

1] Ik stuur jullie de info over Met het Oog op Morgen, waarin Ed aan het eind de kans kreeg om iets te vertellen over Esperanto. Ik weet niet hoe lang zoiets te beluisteren is. Vandaag lukte het nog.

Els van Dijk.

2] en nia retpaĝaro (www.iei.nl) estas aldonitaj du eroj (ĉe Historiaj eventoj / Historische feiten, atingeblaj per la butono Organizo / Organisatie), nome

Rememoro pri Karolo Pic dum la KELI-kongreso

Kaj radio-intervjuo kun Ed en “Met het oog op morgen”, dd. 26/7 ĉ 23:50 h.

Piet Buijnsters

3] Op 26 september was op Regio televisie RTVNH, in de uitzending Van Zuks Dus, een interview met mensen op straat in West Graftdijk en in het Zorgcentrum Mieuwijdt te Graft over Esperanto. Terug te zien op: Uitzending gemist.

Helaas heb ik nog geen GEESTMOLEN ontvangen dus het Molenwiekje komt de volgende keer.

Ans Heijstra-Valkering.

4] Op zaterdagmorgen 5 oktober 2013 wordt Johan Swenker, voorzitter Esperanto-club Groningen telefonisch geïnterviewd over Esperanto om 11.10 uur in het lunchprogramma van radio HavenstadFM dat iedere zaterdag van 11.00 tot 14.00 uur wordt uitgezonden in Noord-Oost Groningen. De aanleiding was het persbericht dat rond werd gezonden over de open avond die op donderdag 10 oktober 2013 wordt gehouden in Groningen. http://havenstad.fm/

## LA NOMO DE NIA REVUO FENIKSO.

Por kelkaj homoj tiu ĉi nomo FEN-X eble estas enigma. Aliaj retrovas en ĝi erojn el nia Nederlanda historio: ĉu Esperanto ne komenciĝis inter ni pere de la tiuepoke kutima « ventumilo » da plej diversaj organizaĵoj, same kiel oni faris niasocie pri religio, pri politiko, pri kiaj ajn unuiĝoj? Ja ekzistis Esperanto-organizaĵoj por Laboristoj – Fidu La Estontecon – aŭ: Federacio de Laboristoj-Esperantistoj – FLE – kaj por Protestantoj – Kristana Unuiĝo Nederlanda Esperantista – por Katolikoj – Espero Katolika – kaj por neŭtraluloj – La Estonto Estas Nia – LEEN. Nepre la movadojn por blinduloj kaj por fervojistoj mi honorplene menciu. Krome plurloke estis propraj memstaraj organizaĵoj, el kiuj ankoraŭ kelkajn foje mi renkontis dum mia esperantista vivo – kaj certe plurajn mi forgesis mencii. Bv pardoni min.

Kiel ajn: la Nederlanda socio vaste ŝanĝiĝis tra la tempo. Oni ne plu kunigas tiajn grandnombrajn kursojn kiel siatempe pastro Cseh aŭ fraŭlino Lidia Zamenhof. Nuntempe oni havas tute aliajn – kaj multege pli – da amuz-eblecoj.

Se rigardi pesimisme, oni povas diri: kie restis la multopa entuziasmo?

Se rigardi pli pozitive oni povas konstati, kiel mi faris ĉe la festa memorkunsido en Amsterdam okaze de la 25-jariĝo de la Privatdocenteco pri Esperanto ĉe la Amsterdama Universitato en 1994: ni tute ne mortis – male, nia literatura agado, la eldonado, la verkado kaj originale kaj traduke floras multe pli ol iam antaŭe.

Kiel ajn: ŝanĝiĝis la socio – ni ne plu emas disiĝi en plej divers-tendencajn unuiĝojn por unu sama celo.

Finfine oni formis unu tutlandan organizaĵon por Esperanto: Esperanto Nederland. Se vi volas scii kiam, bv kalkuli retro laŭ la jarkunvenoj… Kaj la revuon oni nomis laŭ la iĝinta Federacio de Esperanto-Organizaĵoj plus la nekonata X… FEN-X. Samtempe FENIKSO ja estas bela nomo por idealo neniam mortanta – se eĉ cindriĝas ĝi ĝis neniiĝe – tuj renaskiĝas ĝi…

Nu, intertempe kelkaj la nomon ne plu rekonas, eble

ne plu tiom ŝatas – sed ĉu iu scias novan nomon pli taŭgan?

Kompreneble pri tio ĉi decidos neniam redaktoro, minimume la estraro kaj maksimume la membraro… Ni vidu la reagojn!

Gerrit Berveling

P.S. En mia literatura agado nuntempe grandan lokon havas la kompilado kaj tradukado de ampleksa Antologio Latina. Aperis jam kvar volumoj – kaj por la kvina mi renkontis i.a. iun poemon pri la Fenikso.

Eble niaj legantoj ŝatus iom mediti pri tiu fora fremda birdo.

Jen el la enkonduko:

Multaj poetoj kaj historiistoj, same en la Latina kiel en la Greka, estis sorĉitaj de la legendo pri la orienta birdo Fenikso – birdo de rava plumvario, kiu en soleco reaperadis post longaj intervaloj el aromplena muzika morto, kiu estis kaj mistera perdiĝo kaj samtempe mirakla renoviĝo de la vivo. Spurojn pri la rakonto oni retrovas ĉe amaso da aŭtoroj ekde la plej fruaj.

Jen kelkaj versoj el ĉi poemo :

Estas lando distanca, benata en ekoriento,
   kie larĝa pordeg' montras al vasta ĉiel'.
Jen ĉi la Bosko de l' Suno: grundo multarbe kovrita,
   verda dank' al honor' densfoliara sen fin'.

Ho vi bird' de feliĉobenaj sort' kaj vivfino,
   Dio donacis al vi: esti nur id' de vi mem,

Nur ŝi mem – sed samtempe ne ŝi, ĉar ŝi estas
– ne estas…
   Dank' al la bona mort' vivas eterne ŝi.

Ankaŭ al nia revuo FEN-X (Fenikso) mi deziras bonan vivadon!

Gerrit Berveling

## FILMETOJ EN LA RETO:

Ĉar ĉi-foje la numero ŝajnas fariĝi sufiĉe (aŭ tro) dika, mi enmetas ĉi-foje nur malmulte da alsenditaj filmetoj. Rete oni povas trovi veran lavangon da ili. Iom klopodu – kaj vi vere raviĝos !

Gerrit Berveling

Preparu vin por la UK en Argentino pere de pure esperanta tango! http://youtu.be/nJkj9w3mPCA

Subite, neatendite, Franjo Leveque improvizis programeron "kun siaspeca spico" kaj regalis nin per horo da san(ig)a etoso: .http://youtu.be/Lb6yDjMUb5M

La jutuba kanalo "SATeHejo" atingis 6.200 vizitojn de spektantoj en nur 44 tagoj da ekzisto! http://www.youtube.com/user/SATeHejo

Miguel Fernández, kune kun la publiko, kantas "La bona lupeto": http://youtu.be/DcEHJZnxdk4

Raúl Martínez Anguita legas la novelon "Tre moderna fabelo" de la hungara verkisto Ferenc Szilágyi http://youtu.be/Syf2-cui8Jw

Ana Manero deklamas la poemon "En Granado, kun Federico García Lorca", originale verkita de Miguel Fernández, kiu tuj poste deklamas esperante kaj kantas hispane "La baladeto pri la tri riveroj" (Baladilla de los tres ríos): http://youtu.be/Qvab8IYOCcI

Félix Lobo deklamas la poemon "Aliaj noktoj" de Jorge Camacho, http://youtu.be/jIo8-QPUDCw

Kani prezentas novan madridan (mis)monumenton, http://youtu.be/ad4rk_Dvpyk

Miguel Fernández kantas "Kanto al la libero" de José Antonio Labordeta, kune kun la publiko per futuro (86a SAT-Kongreso). http://youtu.be/x1C1SH0cLuk

"Akuzativo (la esenco de la vivo)" estas monologo de Liven Dek, http://youtu.be/fDA4y0Iflyc

"Vivu la turismo" estas kaŭstike sprita monologo de Jorge Camacho, http://youtu.be/t2T6HnNdK-A

Mi ankoraŭ estas en ŝoko! Jen la tuta opero Rusalka, profesie registrita en Esperanto: http://www.youtube.com/watch?v=1TjI0hZVUy4

Debato pri lingvo kaj movado kadre de la 70a Hispana Kongreso de Esperanto okazinta en Sankta Laŭrenco Eskoriala (Madrido, 2011). Debatis Renato Corsetti kaj Jorge Camacho sub la gvido de Antonio del Barrio. La debaton oni povis spekti en la tuta mondo danke al rekta elsendo farita pere de la Interreto http://www.youtube.com/watch?v=kniln-sGf-Y

## BABILADO PRI TRADUKADO; RETA KORESPONDAĴO INTER ISA SUMBER KAJ GERRIT BERVELING

Demando: Mi ĵus vidis en la katalogo de UEA (http://katalogo.uea.org/katalogo.php?inf=6946), ke vi tradukis ankaŭ libron de Simon Carmiggelt. Ĉu tio estis via unua traduko el la Nederlanda?

Respondo: Certe ne; mi ja komencis traduki siatempe – en 1978 – el la klasika Greka, poste ankaŭ el la Latina, sed jam en 1986 mi tradukis la Mezepokan Beatrijs. Dank' al ĝi en 2010 mi povis partopreni internacian kongreson en Hago, en la Reĝa Biblioteko, ĉirkaŭ tiu fama teksto – Hungara profesorino el Budapeŝto invitis min: amuze, el fora Budapeŝto esti invitata al Hago! Estis grandiozaj tagoj kun amaso da plurnaciaj literaturamantoj. Kaj ĉiu – el kiu ajn devenlingvejo – parolis Nederlande!

Demando: Nu ja, tiu Mezepoka teksto restis iom fremda inter viaj ceteraj tekstoj. Kiel vi ekiris al la Nederlanda literaturo?

Respondo: Ni forgesis pri mia grandparte negativa helpo ĉe la Nederlanda Antologio (1987), pri kiu dum kelkaj jaroj ni okupiĝis (ni estas ĉi tie: Willem Verloren van Themaat, Wouter Pilger kaj mi kiel relative novalveninto). Mia kunlaboro ĉefe konsistis el ne-akceptado de pluraj tradukoj, ĉar anticipe ni fiksis kiel limon, ke ni ĉiuj akceptu tradukaĵon aŭ ni malakceptos ĝin.

Demando: Bv respondi: kiel vi ekiris al la Nederlanda literaturo?

Respondo: Post tiu Nederlanda Antologio mi ekhavis iom pli da kuraĝo, kaj skribis al Hans Warren, kiun mi tre admiris ĉefe kiel poeton, ĉu mi rajtas traduki lian mallongan romanon Steen der hulp. Lia ege afabla respondo estis entuziasmiga stimulo: en 1989 aperis Ŝtono de helpo. – Sed intertempe, jam en 1988, la eldonisto de Fonto en Brazilo invitis min, kunlabori kun lia eldonejo. Depost tiam tio ankoraŭ daŭras ĝis nun. Do jam 25 jarojn! Bays komencis per mendo de kompleta traduko el la Greka pri la Nova Testamento. Imagu! Mi heziteme / ŝpareme respondis, ke pri unu evangelio mi provos … Sed intertempe mi ekkonis lian monatan revuon Fonto, kaj pli kaj pli kontribuis al ĝi. En 1991 mi skribis al Harry Mulisch, ĉu lian Twee vrouwen mi rajtas traduki. Li respondis, ke jes – sed kun la kondiĉo, ke SE ĝi aperos, mi venu al li kaj donu al li bonan botelon da vino.

Demando: Multe malpli postuleme ol mi supozus. Li ja estis konata kiel homo singraviga, ĉu ne?

Respondo: Ofte jes – sed ĉe persona interparolado, kiam en la hotelo Américain en Amsterdamo en 1992 mi transdonis al li du ekzemplerojn de Du Virinoj plus skatolo da boteloj da vino, li montriĝis ege ĉarme plaĉa persono. Li estis ĵus kontrolanta la presprovaĵojn de sia Ontdekking van de hemel , kaj ni priparolis ankaŭ kelkajn el liaj hezitetoj pri ĝi. Mia filino Etelka, kiu akompanis min, poste diris, ke li estas vere tre plaĉa persono. En unu ekzemplero Mulisch skribe dankis min pri tiu unika internacia kunlaboro: eldono ĉe Fonto, Brazilo.

Demando: Kiel vi daŭrigis sur la pado de nia literaturo Nederlanda?

Respondo: Iom malpli sukcese – unue mi petis permeson de Gerard Reve, traduki lian De vierde man, sed Reve postulis tiel altan sumon por la tradukpermeso, ke mi devis rezigni. Same okazis pri De kleine blonde dood de Boudewijn Büch. El ties respondo mi legis, ke li supozis, ke per mia Esperanto-traduko mi intencas rapide riĉiĝi, kaj ke li do anticipe volas havi sian parton … Li klare ne havis imagon pri nia Esperanto-libromerkato. Mi ree devis rezigni. Poste pere de mia edzino mi skribis al filino de Simon Carmiggelt, kiu estis kolego ŝia ĉe la laboro – kaj s-ino Carmiggelt permesis al mi, traduki Morgen zien we wel weer de ŝia patro, kaj rekomendis al mi, aĉeti plurajn bonajn botelojn da vino kaj dumtradukade trinki tiujn. Laŭ ŝi estos ja sufiĉe peza tasko. Kaj en tio ŝi plene pravis. Daŭris plurajn jarojn ĝis fine en 2002 ĉe FEL povis aperi Morgaŭ denove ni vidu.

Demando: Kio estis tiel malrapidiga en tiu tradukado?

Respondo: Carmiggelt verkas en tiel ŝajne simpla stilo, ke se oni eĉ nur iom provas redoni tion, oni devas re- kaj refajli la frazojn. Aŭ sonas tro artefarite, aŭ tro literaturisme. Do la konsilo mem dumtradukade foje trinki glason ne estis vere sensenca. Kvankam je tio mi ne kutimas.

Demando: Ĉu tio estis via lasta antaŭ ol pri Couperus vi komencis?

Respondo: Ne; foje venis peto de mia Hungara amiko István Ertl, ĉu mi bonvolas konsideri la eblon traduki De mollenvanger de Stephan Lang, Hungarlingva rifuĝinto el Rumanio, kiu ekverkis Nederlande kiel ĵurnalisto, sed ankaŭ per romanoj. Stephan renkontis Istvánon ie kaj petis lin, traduki tiun romanon, sed estante okupita pri aliaj projektoj, István transdonis al mi la peton. Do mi tradukis ĝin en jam en 2008 povis aperi La talpoĉasisto ĉe FEL. En la UK en Roterdamo 2008 ĉe la lanĉo de la traduko Stephan Lang povis ĉeesti, kvankam jam sufiĉe grave malsana. Li estis ravita de la belsono, kiam plurajn paĝojn mi voĉlegis al li, kaj li petis, preskaŭ postulis, ke mi nepre tuj traduku ankaŭ lian alian aŭtobiografian romanon De Transsylvanische bruiloft – tion mi faris, sed bedaŭrinde La Transilvania nupto en 2010 aperis nur post lia morto.

Demando: Vi nun transsaltis Couperus-on …

Respondo: Vi pravas – 2008 ja estis okazonta la UK en Roterdamo, kaj mi volis iel paradi per eldonaĵoj miaj. Do mi vaste laboregis: povis aperis ĉe UEA kolekto da noveloj de Couperus – Pri vagabondoj kaj friponoj, pri damoj kaj kavaliroj, kaj ĉe VoKo la unua romano de Couperus – Fatalo. Jam de dekoj da jaroj Couperus por mi estis la ĉefa Nederlanda aŭtoro; samjare aperis ĉe Fonto mia Vojaĝimpresoj el Siberio kaj Japanio. Same antaŭ la UK aperis la lasta ero de mia trivoluma Duakanonaj Libroj.

Demando: Kaj nun antaŭnelonge do refoje Couperus – Pri maljunuloj, la aĵoj, kiuj pasas … en 2013 ĉe Mondial, ĉu ne?

Respondo: Fonto origine planis ĝin aperigi por la datrevena celebrado de Couperus, sed bedaŭrinde la financoj tion ne plu permesis. Mondial estis tiel bonvola transpreni tion. Pri tio al Ulrich Becker mi estas tra danka. – Sed vi ne forgesu pri Hella Haasse – je mia miro aperis preskaŭ samtempe traduko mia kaj de Piet Buijnsters en 2012: Urug. Eraro de la Nederlanda eldonisto …

Demando: Sed tio riĉigis niajn klubojn per materialo por interesaj kunvenoj. Dankon pro nia babilado.

Respondo: Volonte farite.

## ANSTATAŬ RECENZO:

Ĵus aperis la libreto "Belarta rikolto 2013", kiu enhavas la premiitajn verkojn de la ĉi-jaraj Belartaj Konkursoj. Ĝin eldonis Mondial en Nov-Jorko, surbaze de kon-

trakto kun Universala Esperanto-Asocio.

La libreto havas 92 paĝojn, kaj krome inkludas ankaŭ la raporton de la Prezidanto de la Belartaj Konkursoj, Humphrey Tonkin, kaj artikolon de Michela Lipari kaj Humphrey Tonkin pri "Kion fari pri la Esperanto-literaturo?".

ISBN 9781595692689

Vidu la retejon de Mondial:
http://www.librejo.com/belartajkonkursoj2013.

## INFORMO

Karaj gesamideanoj!

Antaŭ nelonge mi fondis tute novan fakgrupon esperantistan, la "Esperanto Numismatika Asocio"-n, kies celo estas informi esperantistojn mondvaste pri esperantaj medaloj, moneroj kaj diversaj aliaj pagiloj kaj numismatikaĵoj.

Jam dum pli ol 20 jaroj mi kolektas, pristudas kaj priskribas la E-numismatikon, konstatas ke la esperanta numismatiko estas ne sufiĉe konata inter esperantistoj kaj ke ĝi tamen estas tre riĉa kaj historie grava kampo por rikolti multajn sciindaĵoj pri la esperanto-movado.

Se vi volas membriĝi, vi nur simple sendu retmesaĝon pri tiu deziro al bert.boon@skynet.be en Belgio. Ne ekzistas por tio ĉi poŝta adreso! La membreco estas senpaga kaj (se vi volas) dumviva. Ne estas kaj ne estos estraro; ĉiuj membroj estas egalvaloraj kaj rajtas komuniki pri ĉiuj aspektoj de la nova grupo.

Ankaù senpaga estas la reta revuo "Esperanta Numismatiko" (kvarfoje jare; unua numero en januaro 2014) kies redaktoroj (aktivaj aù ne aktivaj) estas la membroj mem. La iniciatinto estas nur la "araneo" en la centro de la "reto" kiu kolektos kaj dissendos informojn de unuopaj membroj, novaĵojn, ktp. al ĉiuj membroj.

Se vi volas kromajn aù pli detalajn informojn, ne hezitu skribi .

Pliajn informojn pri ENA vi ankaù povas trovi en la UEA-jarlibro 2013, p.70

Bert Boon
Iniacinto de nova UEA-fakgrupo

## INVITOJ

## FEDERICO GOBBO PRELEGOS EN LA NOVEMBRA MALFERMA TAGO

La 39-a Malferma Tago de la Centra Oficejo sabaton, la 30-an de novembro, havos kiel ĉefpreleganton Federico Gobbo, kiu sekvos Wim Jansen kiel profesoro pri Interlingvistiko kaj Esperanto en la Universitato de Amsterdamo.

Prof. Gobbo faros du prelegojn. Lia unua temo, Instrui interlingvistikon hodiaŭ: spertoj kaj konsideroj, rekte rilatos al lia estonta laboro ĉe la katedro en Amsterdamo kaj reflektos liajn spertojn en la Universitato de Torino. Li ankaŭ celas montri, kiel lingvoplanado, ĉefe pri minoritataj lingvoj, kaj planlingvoj estas konverĝaj temoj. Lia dua prelego, Lingvoj planitaj por fikcio: kion ni povas lerni?, temos pri la Klingona, Tolkien-aj lingvoj, Na'vi kaj la lastatempa Dothraki el socilingvistika vidpunkto, kun aparta atento al tio, kion esperantistoj povas lerni el ili.

En la programo estos ankaŭ aliaj prelegoj, libroprezentoj kaj filmoj. Aldone al specialaj ofertoj la vizitantoj povos profiti de ĝenerala sesona rabato en la libroservo, butikumi en la bazaro de esperantaĵoj kaj gajni premiojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La programo daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

## ĈE-SEMINARIO EN HAGO

La estraro de Internacia Esperanto-Instituo decidis denove organize Ĉe-seminarion. Tio estas kurso destinita por personoj, kiuj volas mem instrui laŭ la Ĉe-metodo aŭ nur konatiĝi kun ĝi. La partoprenantoj devas bone regi Esperanton, ĉar la seminario ne taŭgas por lingvo-komencantoj. Ankaŭ esperantistoj de ekster Nederlando estas bonvenaj. Jam anoncis sin samideanoj el Germanio kaj Pollando.

La instruistino estos Katalin Kovats, tre sperta Ĉe-instruistino, kiu dum pluraj jaroj gvdis en diversaj landoj Ĉe-kursojn.

La seminario okazos en Riouwstraat 172, la oficejo de IEI, dum 3 tagoj: je la 14-a, 15-a kaj 16-a de marto 2014.

La lecionoj estos matene dum 2 horoj kaj posttagmeze dum 2 horoj. La lernantoj povos dum 3 tagoj komune lunĉi en itala restoracio. Ĉiu devas mem prizorgi sian eventualan tranoktadon.

Aliĝkostoj nur por la kurso estas 35 eŭroj, pagendaj al IEI-konto ĉe UEU: iein-q kun mencio "seminario" aŭ al nia konto 162626 Internationaal Esperanto-Instituto, Den Haag.

Pliajn informojn donos la organizanto Ed Borsboom: tel 030-2202673 aŭ ed.borsboom@versatel.nl

Oni ankaŭ vidu la retejon de IEI: www.iei.nl

## POR AVENTUREMAJ ESPERANTISTOJ

Elkorajn salutojn el Nepalo. En Esperantujo mi nomiĝas Mian Salam SHANY. Mi estas Vic-prezidanto de Pakistana Esperanto-Asocio (PakEsA), por la regiono Kaŝmir. Nuntempe mi volontulas ĉe la Nepala Esperanto Asocio (NEspA) kie mi instruas Esperanton al komencantoj (precipe al geknaboj) kaj ankaŭ al

progresantoj. Plue por fondi modernan kaj tre utilan esperantan bibliotekon en la oficejo de NEspA mi serioze laboras kaj kolektas esperantajn librojn, revuojn kaj aliajn materialojn. Kunagadas kun la estraro de Nepala Esperanto-Asocio por serĉi manierojn, per kiuj ni povos plifortigi Esperanto-movadon en Nepalo kaj ankaŭ en aliaj landoj de Azio precipe en Sudaziaj Landoj.

Ni faris broŝuron. Ĉi-foje, ni celas turismigi la partoprenantojn en mondfamaj turismaj lokoj de Nepalo. Ni havos diversajn esperantajn eventojn por plivastigi nian lokan movadon. En nia evento 'SPECIALA EKSKURSO 2014 EN NEPALO' ĉiuj aĝgrupoj povas facile partopreni, ĝui, kaj samtempe kuraĝigi nepalajn esperantistojn. Pli detale vi povas legi en nia hejmpaĝo www.esperanto.org.np kaj ligilo: https://www.dropbox.com/s/iu3cc2fow5ztxax/SPECIALA%20EKSKURSO%202014%20EN%20NEPALO.%20PDF.pdf Bonvolu disdoni ĉi-tiun broŝuron al viaj amikoj.

## VOJAĜOJ TRA LA MONDO:

TURISMA ESPERANTO KALENDARO POR 2013/2014 de ESPERANTOTUR el Pollando – haveblas ĉe esperanto-turismo@wp.pl, info@esperanto.bydgoszcz.eu. ili ofertas amasegon da vojaĝoj, ŝipkrozadoj tra la mondo ktp.

**Pro spacomanko ege mallongigita sciigo:**

Kuba Esperanto-Asocio invitas vin partopreni en internacian Esperantorenkontiĝo KER-o 2014: pliaj informoj kaj aliĝilo troveblas ĉe www.esperanto.cult.cu aŭ skribu al kubesp@enet.cu

---

## RAPORTAĴOJ

---

## RAPORTO DE NIA KOMITANANO: VARMEGA REJKJAVIKO

En Nederlando la vetero atingis rekordajn tempraturojn, sed ankaŭ en Rejkjaviko ĝi estis varmega por Islando. 21 gradoj sukcesis gajigi la islandanojn ĝis tiu grado, ke li grandskale piknikis sur herbejoj aŭ estis ŝpare vestitaj. La kongresanoj evidente ankaŭ ĝuis la belan veteron dum tiu semajno.

Kiel reprezentanto de Esperanto Nederland mi ĉeestis la komitatkunsidojn sabatoposttagmeze, lundoposttagmeze kaj venredoposttagmeze. Entute 12 horojn.

La ĉefaj aferoj estis elekto de nova estraro en sabato. Post ses jaroj mi forlasis la estraron kiel estrarano pri financo kaj lasis la vicon al aliaj. Mark Fettes elektiĝis kiel prezidanto kaj Martin Schaeffer kiel sekretario. Ili ambaŭ okupiĝos pri la financoj de UEA.

En lundo la komitato diskutis kaj voĉdonis la buĝeton por 2014. Pro la falo de membroj kaj la malalta rento, la propono por 2014 enhavis elspezajn reduktojn. Unu dungito malpli en la Centra Oficejo kaj malpli da mono por edukado, informado kaj eksteraj rilatoj. Post tiu ero la komitato diskutis pri la strategia plano, kiu estis akceptita en vendredo.

**Agadkampo 1: Konsciigo**

1.1. Modernigi kaj kompletigi la publikan bildon pri Esperanto. Atingi, ke Esperanto estu vaste komprenata kiel moderna, vivanta lingvo kun unika historio kaj dinamika kulturo.

1.2. Varbi kaj prizorgi subtenantojn kaj kunagantojn. Atingi, ke la socia valoro de Esperanto kaj UEA estu vaste rekonata, tiel ke multaj kiuj ne mem uzas Esperanton, tamen morale kaj finance subtenu ĝin aŭ kunlaboru kun Esperanto-organizoj por komunaj celoj.

1.3. Varbi, interligi kaj trejni aktivulojn. Disvolvi mondvastan reton de multaj registritaj kaj lertaj aktivuloj pri informado, eksteraj rilatoj, kaj esploro kaj dokumentado.

**Agadkampo 2: Kapabligo**

2.1. Kursoj kaj ekzamenoj. Plimultigi la nombron de tiuj, kiuj sukcese trapasis registritan kurson kaj internacian ekzamenon pri Esperanto, i.a. por pli fidinde pritaksi, kiom la lingvo disvastiĝas ĉiujare.

2.2. Trejnado de gvidaj aktivuloj. Starigi programojn por trejnado de movadaj organizantoj (de projektoj, renkontiĝoj kaj kongresoj, asocia administrado kaj financo, monvarbado k.s.),i nstruistoj,

tekstumantoj (prizorgantoj de retpaĝoj, revuoj k.s.), tradukantoj, terminologoj kaj informadaktivuloj.

2.3. Esperanto kiel eduka movado. Kunlabori kun organizoj sur ĉiuj niveloj de la movado

por doni al instruado, trejnado kaj tutmondeca edukado pli altan prioritaton en la planado, komunikado kaj agado.

**Agadkampo 3: Komunumo**

3.1. Plivastigi kaj disvolvi la uzadon de la servoj de UEA. Temas ne nur pri pligrandigo de la nombroj de uzantoj, sed ankaŭ pri pliprofundigo de la uzantosperto.

3.2. Fari pli facila, alloga kaj kontentiga la partoprenon en konkretaj kulturaj kaj fakaj agadoj. Per tia partopreno oni firmigas senton de aparteno al la movado (kaj al UEA), kaj krome pludisvolvas la proprajn lingvajn kapablojn kaj kulturan kleron.

3.3. Disvolvi la solidaran helpagadon. Multaj homoj donacas al la fondaĵoj de UEA, iuj kluboj kaj asocioj entreprenas proprajn solidarajn agadojn, kaj diversaj individuoj helpas aliajn individuojn, klubojn, projektojn ktp. La kampon eblas multe plifortigi per bona komunikado pri bezonoj, subten-ebloj, rezultoj kaj simile.

**Agadkampo 4: Kunordigo**

4.1. Evoluigi pli aktivan kaj koheran organizan kernon.

Krei pli grandan kernan organizan teamon kiu laboras sub komuna strategio, komunikas intense kaj efike inter si kaj interkonsile prizorgas la ĉefajn agadkampojn.

4.2. Restrukturi kaj plivigligi la rilatojn kun la diversaj aliĝintaj kaj kunlaborantaj landaj asocioj. Necesas reformi la sistemon por pli bone kombini la fortojn de la diversaj asocioj kaj disvolvi kulturon de kunlaboro kaj kunplanado.

4.3. Plisanigi kaj plivastigi la financojn per kreskigo de rimedoj kaj pliefikigo de servoj. Necesas provi plibonigi ambaŭ flankojn de la spezokonto – malaltigi la kostojn kaj altigi la rimedojn.

UEA do aktive serĉos la kunlaboron kun landaj asocioj kiel Esperanto Nederland.

En vendredo estis ĉefe diskutitaj la diversaj rezultoj de subkomitataj kunsidoj (kunsidoj de la komitato pri specifa temo, kie komitatanoj pridiskutas la temon kaj faras rekomendojn).

Pri ekskursoj, koncertoj, nacia vespero kun “Glima” kaj ceteraj programoj vi certe legos de aliaj kongresanoj.

Loes Demmendaal,
komitatano A por Nederlando

## BALTIAJ SPERTOJ



Fine de julio mi per mia aŭto veturis Baltien, t.e. mi veturis al Kiel, tie prenis la pramŝipon al Klaipeda (Litovio), poste veturis tra Litovio kaj Latvio, surpramigante post 3 semajnoj la aŭton en Ventspils por fine reveturi de Travemünde al Malden. Post alveno en Klaipeda mi veturis al la bonetosa urbeto Utena por partopreni la 49-ajn Baltiajn Esperanto-Tagojn. En BET mi partoprenis la unuan fojon. Tamen mi havis la senton, ke mi jam plurfoje partoprenis. Kiam homoj montriĝas esti malnovaj amikoj, renkontitaj de mi plurfoje antaŭe, ekz. en IF aŭ UK, kiom elkora kaj ĝojiga estas denova renkontiĝo! Jen mia unua sperto.

La dua estas la bona organizo de BET en ĉi tiu ĉarma, kompakta urbo Utena. Kaj la tria sperto estis la alta nivelo de la programo. Interesaj prelegoj, profesie prezentitaj. Okulfrapa por mi estis la nombro de koncertoj, kelkfoje tri aŭ kvar tage, ĉu oficialaj aŭ aldonaj: BET kiel muzikateliero? La kvara sperto estis la bonetoso: bonveniga, invitema, amika, gaja, serioza. Unuvorte: ĝuego!

Sed ne finiĝis la bonaj spertoj. Post la sukcesa BET en Litovio mi veturis al Riga, la ĉefurbo de Latvio. Mi ne veturis sola. Fakte mia vojaĝo al Baltio estis obeo al invito de antaŭ pli ol 2 jaroj. Tiam, kiel vi en tiu tempo jam povis legi en FEN-X, vizitis nian landon la fama juna latva pentristino Alise Medina kun sia patrino Lolita, kiam ŝi ekspoziciis en la Jac Maris-muzeo en Heumen (apud Nimego). Ankaŭ Lolita Medina partoprenis en BET kaj post tio mi dum pli ol unu semajno ĝuis ŝian grandaniman gastamon kaj konatiĝis kun la tuta familio. Multaj estis miaj aventuroj tie. Mi rerenkontis novajn BET-geamikojn, estis de ili invitita en diversaj lokoj. Partoprenis en la malfermiĝo de ekspozicio de Alise (pentraĵoj kaj keramaĵoj) kaj ŝia bofrato Werner (fotoj) en Riga per akordionludado. Partoprenis pluraj Esperantistoj , kiuj gajigis la eventon bone.

Kees Ruig

## OSIEK ORGANIZIS IEK 2013 EN SAINT AMAND MONTROND, MEZE DE FRANCIO.

La kunveno okazis de la 20-a ĝis la 26-a de julio ; temo: Esperanta muziko.

Kiel kutime la tagoj pleniĝis sinsekve per prelegoj en la mateno, turismaj vizitoj en la posttagmezo kaj kulturaj aranĝoj en la vespero. Partoprenis entute ĉirkaŭ 40 personoj, plejmultaj el ili estis francoj, krome el Rumanio, Germanio, Grekio, Koreio, Hungario, Rusio kaj Jeannette kaj mi el Nederlando.




La bonveniga vespero en sabato allogis preskaŭ ĉiujn por revigligi la kontaktojn aŭ interkonatiĝi.

Gastigantoj: La konata kantisto, bardo, Ĵak le Puil kaj edzino Armela LeQuint prizorgis manĝadon kaj trinkadon. Kunlaboris lokaj esperantistoj.

Ek de dimanĉo la plej seriozaj kunvenoj startis Mi nur indikas ilin.

Dimanĉo: Oficiala malfermo, salutvortoj kaj prezen-

tado de la OSIEK- premiotaj libroj; iliaj titoloj estis Ordenoj de la verda Plumo (Leksikono), Dek tagoj de kapitano Posnikov de M.Bronŝtejn, Nu kaj do? (rakontoj), La gefianĉoj de Manzoni, Elektriko, DVD. Prelego de Ĵak le Puil pri la regiono; posttagmeza vizito de la fortreso de Montrand, vespere, koncerto de Mikaelo Bronŝtejn.

Lundo: Jean Pierre Danvy prelegis pri la valoroj de Lou Harrison por Esperanto, Mikaelo Bronŝtejn pritraktis la rusan bardan kulturon; posttagmeza vizito al la abatejo de Noirlac, vespere: Filmo, “Esperanto” de Dominique Gautier.

Mardo: Mikaelo Bronŝtejn pri La Oraj Kantoj de la Rusa Esperantujo; Michel Duc Goninaz parolis pri Francaj kanzonoj en E-o dum la 20a jarcento; posttagmeza vizito al la arbaro de Tronçais kie ni i.a. admiris jarcentojn aĝan kverkon, vespera bonega koncerto de eksperimenta grupo, nomata “Maragan”. Ili prezentis modernajn, foje esperanten tradukitajn kanzonojn, ne nur folkmuzikon.

Merkredo: Ŝanĝiĝo en la programo. Volis pridiskuti Flora Markov la studeblecojn kaj malfacilaĵojn por aktoroj. La tuto ne plaĉis al ĉiuj, eble tro franca temo? Ansofi’ Markov prezentis “Muzikistoj en E-o movado” subtenata per moderna komputila sistemo. Tre interesa kaj klara. Interalie la nederlandanino Ramona van Dalsum estis menciita. Kaj laste “JoMo”. posttagmeza vizito al la fama kaj konata Katedralo de Bourges, promenado tra la malnovaj kvartaloj kaj la marĉoj de Bourges, vespere: Serĝo Sir’ prezentis aron da klarinetoj kaj iliajn sonojn.

Ĵaŭdo: Ĵak le Puil parolis: “Pri mi” ( Do pri li!); la Koreo Ho Song rakontis pri sia vivo kaj farado, li nun loĝas en Ĉinio kaj instruas pentraĵon kaj E-on. Liaj verkoj estis prezentitaj en kunvenejo. Li petas tradukon esperanten de terminoj en pentro- kaj dancarto. Teknika parolo pri intervaloj en E-o: Serĝo Sir’ pritraktas la intervalojn kaj la homogenigon de la terminoj! “Homogenigo endas!!!” Ekz. Kio fakte indikas la termino: unutono! Ek al Drevant, kie iu gvidisto simila al somera Sankta Nikolao nin klare kaj humore promenigis inter la ruinoj de la Romia amfiteatro. Poste ni vizitis la Oron Domegon en Amand. Vesperan koncerton de Ĵak le Puil.

Vendredo: Jam la fina kunveno. El la proponitaj libroj, post dua voĉdonado, la libro de Mikaelo Bronŝtejn gajnis la premion. Rodica Todor vigle allogis nin al la venontjara kunveno kiu okazos en Braŝov, Rumanio. La temo;” La maro en literaturo kaj muziko.” Malgraŭ tio ŝi anoncas treege interesan turisman programon kun, interalie, kvartaga restado sur hotelŝipo en la Danuba-delto kaj daŭrigo en Bukareŝto antaŭ hejmenirado. Por trovi pliajn informojn vi iru al http://osiek.org

Postprogramo: Ĵak kaj Armela invitis ĉiujn partoprenantojn al sia domo en la apuda Thaumiers por babilado kaj manĝado/trinkado. Fariĝis mallume en agrabla etoso ĝis ni adiaŭis kaj kun “Ĝis Revidoj” forveturis. Kelkaj ankoraŭ restis por la interesa tritaga postrenkontiĝo. Ni veturis hejmen en sabato.

Aŭgusto 2013,
Jeannette Bosse kaj Mareje van Erp

## AFSCHEID VAN WIM JANSEN


Katalin Kovacs

Op vrijdag 27 september 2013 hield Wim Jansen zijn afscheidsrede als bijzonder hoogleraar Interlinguïstiek en Esperanto aan de Universiteit van Amsterdam. De middag werd geopend door prof Kees Hengeveld. Aanwezig waren ongeveer 70 mensen: familie van Wim, Esperantisten, collega’s en studenten. De titel van de lezing was: Natuurlijke evolutie en leergemak. Aspecten van verandering in het Esperanto. Na de lezing spraken de heren Hengeveld en Erasmus een dankwoord uit. Tijdens de receptie die volgde sprak Ans Bakker nog een speciaal dankwoord uit namens de vereniging Esperanto Nederland. Zij overhandigde Wim een cadeau namens de vereniging. Zij wenste Federico Gobbo, de opvolger van Wim, een goede tijd toe!

De gasten ontvingen na afloop een cadeautje: de brochure met de lezing die Wim ‘s middags had gehouden en een zakje Esperanto-tulpenbollen! Volgend voorjaar denkt iedereen opnieuw aan deze geslaagde dag.

De bijeenkomst werd gefilmd door Katalin Kovacs en is nu volledig te zien en te horen op ‘edukado.net’. De moeite waard om deze middag te bekijken. http://www.edukado.net/novajhoj?id=385

## AFSCHEID VAN WIM JANSEN

Op Vrijdag 27 september nam Prof. Dr. Ir. W.H. Jansen (Wim) afscheid als bijzonder hoogleraar ‘Interlin-

guïstiek en Esperanto' aan de Universiteit van Amsterdam. Hij wordt opgevolgd door de Italiaan Dr. Federico Gobbo (1974). Het afscheid vond plaats in de Agnietenkapel, waar vele leden van de vereniging Esperanto Nederland, studenten, collega's en andere belangstellenden aanwezig waren. Ruim tien jaar heeft Wim Jansen deze leerstoel bezet en tot grote bloei gebracht. Zowel interlinguïstiek (leer van de plantalen) als de taal Esperanto heeft hij onderwezen. In totaal deden in die periode 181 studenten examen, 92 studenten in de interlinguïstiek en 89 in Esperanto. Als cursusboeken werd gebruik gemaakt van 'Inleiding tot de interlinguïstiek en Esperanto' (282 blz.) en een boek over Esperanto-grammatica (85 blz.), allebei van de de hand van Wim Jansen, ondersteund door het leerboek van Stano Marček 'Esperanto per rekta metodo' (Esperanto via de directe methode, Nederlandse uitgave,115 blz.).

De grote betekenis van deze bijzondere leerstoel is het feit dat op het hoogste onderwijsniveau deze twee vakken gestudeerd kunnen worden. Ze zijn een integraal onderdeel van het universitaire onderwijssysteem. Wereldwijd gezien een unieke positie.


Katalin Kovacs

Als één van de drie curatoren van de leerstoel heb ik tijdens de afscheidsbijeenkomst in het kort de geschiedenis kunnen toelichten. Het initiatief voor deze leerstoel kwam niet voort uit de Esperantobeweging. Bijna 20 jaar geleden vroeg emeritus hoogleraar chirurgie Prof. Dr. J. Wieberdink inlichtingen over Esperanto bij het toenmalige informatiecentrum in Den Haag. Hij vroeg zich tijdens dat contact af waarom er geen bijzondere leerstoel was voor Esperanto. Hij had zelf op een heel ander gebied een bijzondere leerstoel in Brussel tot stand gebracht. Ter verduidelijking: een universiteit kan toestaan dat een bijzonder hoogleraar wordt aangesteld voor een onderwerp, waarvan de universiteit zelf vindt daarvoor niet het voortouw te hoeven nemen maar het nut ervan wel inziet. Aan alle universitaire voorwaarden moet voldaan worden maar de financiering dient te geschieden door de initiatiefnemers. Op deze wijze zijn tientallen bijzondere leerstoelen opgericht waardoor er in Nederland op een breed terrein universitair onderwijs wordt gegeven alsmede onderzoek wordt gedaan.


Katalin Kovacs

Het leidde er toe dat de heer Wieberdink en ik een comité van aanbeveling oprichtten bestaande uit prominenten uit de Nederlandse samenleving. Met een kleine werkgroep werden universiteiten benaderd van Groningen tot Maastricht. In Amsterdam kregen we tenslotte beet. We hadden ons gericht op de faculteit die communicatie onder zijn hoede heeft. Esperanto beoogt immers de communicatie te vergemakkelijken, maar de letterenfaculteit hoorde hiervan en vroeg ons eens met hen te komen praten. En zo geschiedde. Er werd plaats gemaakt voor een bijzondere leerstoel 'Interlinguïstiek en Esperanto' in de letterenfaculteit.

Ik wil hierbij nog wel vermelden dat het invloedrijke lid van onze werkgroep Prof. Dr. Adriaan de Groot (de man van de Cito-toets) ten zeerste heeft bijgedragen aan het tot stand komen van de leerstoel. Hij is helaas overleden evenals de heer Wieberdink en verschillende leden van het comité van aanbeveling zoals Mr. Heldring, Prof. H. Brugmans en Mr. K. van Rijckevorsel zijn inmiddels ook overleden. Aanvankelijk kon de leerstoel gefinancierd worden door de Stichting Esperanto bij het Onderwijs. Een royale bijdrage van een niet-esperantiste, mevrouw R. Rozevelt uit Voorburg, ad Fl 25.000,- aan de stichting gaf het project een mooie start. Na fusie van de stichting met het Internationaal Esperanto-Instituut in Den Haag werkte deze hoofdsponsor samen met Esperanto Nederland.

Ieder diende €. 5000,- per jaar bij te dragen. Dit bedrag is thans verdubbeld door nieuwe eisen van de universiteit. De financiering zal in het vervolg geschieden door UEA (Universala Esperanto-Asocio) en de vereniging Esperanto Nederland. Ieder draagt nu € 10.000 per jaar bij gedurende de komende vijf jaar. UEA is nu de juridische vertegenwoordiger, die van de universiteit het recht krijgt de nieuwe hoogleraar aan te stellen. Als curator ben ik teruggetreden. Namens UEA is voormalig medewerker van UEA, Nikola Rašić, thans tolk/vertaler, curator van de leerstoel.

Hans Erasmus

## NORD-NEDERLANDO



Ĉi-somere la Esperantistoj de Nord-Nederlando ne kunvenis en la kutima salono por aŭskulti raportojn aŭ paroli pri gramitikaĵoj, sed preferis esti ekstere. Je la 24a de aŭgusto ni Wiebren, Johan, Wil kaj mi kune trinkis teon kun multaj 'anglaj' kukoj kaj sandviĉoj.

Ĉu venontjare ankaŭ vi ne deziras kunveni kun ni?

Ineke Emmelkamp,
Esperanto Nord-Nederlando

## FESTIVALO

En la sedependa movada bulteno "libera folio" aperis artikoleto, kiu ĉe alklako fariĝas multege pli ampleksa, pri la plej granda muzika festivalo de Esperantujo 2013 el aŭgusto ĉi-jara: ĝi okazis ĉi-foje en Kelmis – la iama ĉefurbo de la iama Neŭtrala Moresneto.

http://www.liberafolio.org/Members/AlKo/festo-2013-2013-bonega-festivalo

Dimanĉe ĉio komenciĝis – kun librostando de FEL kaj diskovendejo de Vinilkosmo: dum la tagoj foje okazis ankaŭ ekskursoj: aperis tie sursceneje Nikolin', Kapriol', Kimo kun sia akordiono (nova kaj elektronika!), kaj pluraj gastoj: Roĉjo ĉe fluto, Sebastian (de La kuracistoj) ĉe violono en kelkaj kantoj kaj ĉe ukulele-baso en aliaj kantoj; eĉ Jonny M kantis gaste… Post mallonga paŭzo ekkoncertis la brusela artisto Gaëtano, kiu kantis kaj gitaris kun akompano de la basisto Olivier Catala. Marde, la 13an, funkciis la salsa ateliero, kiun gvidis Kimo kun la helpo de Meva, kaj la gurda ateliero de Nikolin'. Okazis vizito al la muzeo de Kelmis, al kiu la festanoj iris kun esperantaĵoj kaj muzikiloj kvazaŭ manifestacie. Vespere Ĵomart kaj Nataŝa regalis la ĉeestantaron per emociplena koncerto kun tipe intima etoso ktp – ankaŭ recitalis nia Kajto kaj ankoraŭ pliaj ...

## RAPORTO DE LA 24A INTERNACIA ESPERANTO-SUMOO

La 24a Internacia Esperanto-Sumoo okazis de la 15a ĝis la 29a de septembro 2013 kun granda sukceso.

Sumoo estas japana tradicia lukto kaj la konkurso okazas ses fojojn jare. Nia Esperanto-sumoo okazas paralele kun tiu sumoo, celante progresigi nian librokulturon. Partoprenantoj decidas la libron, kiun ili legos dum la periodo, kaj la kvanton de paĝoj, kiun ili legos en ĉiu tago. Se ili plenumas sian promeson pri la kvanto, ili gajnas unu venkon. Tiamaniere ili luktadas dum 15 tagoj, ne kontraŭ aliaj luktistoj, sed kontraŭ sia maldiligenteco.

En la septembra sumoo partoprenis 146 homoj el 28 landoj. El ili 112 homoj perfekte venkis 15 tagojn (76,7%). La tuta kvanto de legitaj paĝoj estas pli ol 11000.

Landoj de la partoprenantoj estas : Japanio: 49, Svislando: 16, Francio: 13, Pollando : 11, Vjetnamio kaj Koreio : 7, Kubo : 5, Finnlando kaj Italio : 4, Serbio, Svedio kaj Danlando : 3, Brazilo, Usono, Germanio, Nepalo kaj Rusio : 2, Tajvano, Ĉinio, Barato, Argentino, Mongolio, Kanado, Turkio, Malajzio, Nederlando, Andaluzio kaj Hungario: 1.

En tiu ĉi sumoo partoprenis 15 lernantoj el La Chaŭ-de-Fonds, Svislando, prizorgate de s-ino Monika Molnar. Ili bone luktis kaj donis freŝan venton al la sumoo.

Venonta sumoo okazos ekde la 10a ĝis la 24a de novembro 2013. Ni atendas vian partoprenon.

Detalojn vi vidu en la suba retejo : http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

Raportas HORI Jasuo, ĉeforganizanto

## ĈU BICIKLEJO AŬ MONUMENTO?

Pri nia Esperanto-monumento en Texel.





Je la 11-a de julio, kelkajn tagojn antaŭ nia foriro al Islando, ricevis mi retmesaĝon de Wim Duinker, (Leiden), filo de Joh. M. Duinker, pri la neglekto de nia Esperanto-monumento en Den Burg, Texel. Supozante ke en Den Helder ankoraŭ ekzistas Esperanto-Klubo, li sendis lian plendon al mi, trovante nian retadreson en la retejo de Esperanto Nederland. Li eksplikis, ke li jam je la 6-a de aprilo alparolis la urbestron pri la fakto, ke la monumento, kiun li kune kun sia fratino re-inaŭguris en la jaro 1950, post la detruo en la milito kaj renovigo, fariĝis biciklejo! La urbestro konsilis lin sendi leteron pri la afero al la urba konsilantaro. Li petis, ke oni translokigu la biciklejon 30 metrojn pli malproksime. Post 6 semajnoj evidentiĝis, ke la letero restadis en iu tirkesto…..kun pardonpetoj. Sed ili opiniis tion tro fore de la centro de Den Burg.

En junio li denove kontaktis la komunumon, kaj aŭdis ke oni decidis meti brikojn antaŭ la monumenton kaj meti la lignajn apogilojn je pli granda distanco antaŭ kaj apud la monumenton. Vidu la foton! Kaj komparu la alian foton, faritan en septembro 2012. Tiam mi kaj mia edzo faris biciklan ekskurson al Texel. Ĉe la monumento ni diris unu al alia: "Oni devas baldaŭ pritondi la arbustojn!" Sed cetere ni ne trovis ion malkonvenan. Verŝajne oni forprenis la arbustojn por eviti la laboron. Poste mi ricevis kopion de du ensenditaĵoj el la Texela Ĵurnalo de la 12-a de julio, de du enloĝantoj de la Kogerstraat, kie la monumento troviĝas, Theun de Winter kaj Nel Collou den Braven, ambaŭ posteuloj de Esperantistoj. La tuta strato ricevis anoncleteron pri la ŝanĝoj ĉe la monumento, t.e. la forpreno de la arbustoj, kaj la instalo de biciklejo. Theun volis protesti, sed trovis neniun kontakt-adreson aŭ -personon. En la ĵurnalo aperis eĉ "tezo" pri la afero, nome: Estos ĉirkaŭ la Esperanto-monumento en la Kogerstrato pavimote favore al biciklejo. Ĉu estas prava ago aŭ ne? Voĉdonis entute 254 homoj, el kiuj 63 % diris: Ne!

Sekvis en mia komputila leterkesto mesaĝo de Harry de Graaf, pri la neatingebleco de la komunumaj kontaktpersonoj, kaj ankaŭ pri la fakto ke junaj kunlaborantoj de la komunuma konsilantaro ne povas kompreni, kio estas grava por maljunaj (posteuloj de) Esperantistoj. Li pledas por la instalo de ŝildo kun eksplikoj ĉe la monumento. Intertempe mi sendis la tutan retpoŝtaĵaron al Ineke Emmelkamp, kun la peto sendi leteron al la urbestro kaj la tuta urba estraro. Vi povis legi en la antaŭa Fenikso, ke ŝi faris, nome de nia estraro. Kaj Wim Duinker reagis je tio, en lasta mesaĝo al Harry de Graaf:

"Kio unue nepre ne eblis (por biciklistoj nepre tro fore) montriĝas esti ebla sub la premo de la diversaj kritikoj. Alilokigo de la biciklejo kostas denove monon al la komunumo, kio povus havi pli bonan destinon. Kompreneble la biciklejo devus esti alilokigota tro fore ol nun intencita. Punkto de gajno estas, ke nun venas libera rigardo al la Esperanto monumento.

La letero de Esperanto Nederland – la landa organizaĵo de la esperantistoj - estas laŭ mia opinio certe senchava. Ĝi apogas la agojn faritajn en Texel. Esperanto Nederland petas digne trakti ĉi tiun por ili tiel gravan monumenton."

Post tio ni povis trankvile iri al tiu alia insulo: Islando! Kaj nun fine mi havas tempon por verki artikoleton pri tio.

Ĉu fino bone, ĉio bone? Tempo malkovros. Oni promesis anstataŭi la lignajn apogilojn per ŝtalaj ingoj. Kaj lasi spacon inter la monumento kaj la biciklejo de unu metro. Do - prenu vian biciklon kaj venu al Texel. Gluu verdajn stelojn sur ĝi, kaj metu ĝin en la Kogerstrato apud la monumento. Mia edzo kaj mi certe faros biciklan ekskurson denove al Den Burg, kaj ni informos vin!

Marijke Lathouwers.

## NOVAĴO EL AZIO:

Esperanto estas adoptita kiel unu el la laborlingvoj de "Monda Unio de Bonpo" . Samtempe "MUB" decidis inviti esperantistinon Eruda Li kiel sian honoran konsilantinon.

MUB laboras por tutmonde propagandi la Mahajanon (unu el la budhismaj skoloj, kaj Bonpo estas plej antikva mahajano bazita sur altruismo kaj pli vaste utili al popoloj tra la mondo.

Sinjorino Eruda Li estas pia budhismulo, kiu instruis Esperanton en universitato de Ĉinio. Eruda Li estas la fondinto kaj prezidanto de Hongkonga Esperanto-Asocio, Prezidantino de Universala Ligo Kultura kaj Arta, kaj servas kiel direktoro de Ĉina Esperanto-Eldonejo. Ŝi kelkfoje okazigis enlande kaj eksterlande solo-koncertojn por prezenti ĉinajn popolkantojn en Esperanto. En 2004 ŝi eldonis la diskon El Granda Ĉinio.

## KUNVENO EN INTERNACIA ESPERANTO-INSTITUTO (IEI)

Sabaton, la 5-an de oktobro 2013, IEI denove elpendigis la flagon kaj malfermis la pordon por la Esperantistaro. Ĉifoje oni kunvenis por ĝui unu plian librolego-tagon sub la gvidado de Ed Borsboom. Ed profunde konas la Esperantan literaturon, kaj, kiel ĉiam, kun gusto sciis dividi tiun konon kun la aŭskultantoj. Plurajn verkistojn li renkontis persone, kaj multaj anekdotoj ornamis lian paroladon. La, ofte sprita, enmeto de Rob Moerbeek, ankaŭ granda konanto de nia beletro, ankoraŭ pliriĉigis la tuton.

La dek unu partoprenantoj laŭvice laŭtlegis el verkoj de Ueyama Masao, Julio Baghy, Nikolao Ĥoĥlov kaj Karolo Piĉ. Ankaŭ intervjuo kun Humphrey Tonkin, la Etimologia Vortaro de Ebbe Vilborg kaj la Proverbaro de Zamenhof preteriris.

Els van Dijk prizorgis la trinkaĵojn kaj surprizis nin per siaj bongustegaj, membakitaj 'brunaĵoj'. La sekva kunveno en IEI, Riouwstraat 172, Hago estos la Zamenhof-tago, je la 14-a de decembro 2013. Pli da informoj pri tiu tago vi trovas sur la retpaĝo de IEI: www.iei.nl . Estu bonvena!

Ineke van Iperen.

**HET BESTUUR VAN ESPERANTO NEDERLAND HEEFT EEN ACTIE GESTART OM MEER 'VRIENDEN' TE KRIJGEN.**

Je kunt dit formuliertje zelf kopiëren, maar als je meer exemplaren wilt hebben, mail dan Ineke Emmelkamp, zij zal ze dan toesturen! info@esperanto-nederland.nl





Esperanto -
Een goed idee?

## Vrienden van Esperanto Nederland

Vrienden van Esperanto Nederland zijn mensen die Esperanto Nederland steunen, ook al hebben ze zelf geen tijd of mogelijkheid om de internationale taal Esperanto te leren.
Zij steunen Esperanto Nederland in het streven naar gelijkwaardigheid in internationale communicatie.

Vrienden ontvangen regelmatig nieuws van de vereniging in het Nederlands, deze informatie wordt per e-mail verstuurd.

Meer informatie?
Mail dan uw vraag naar **vriend.van@esperanto-nederland.nl**

Aanmelden kan per post, per e-mail of via de website.
adres: Esperanto Nederland, Egeïschestraat 42, 8303 EN Emmeloord
e-mail: vriend.van@esperanto-nederland.nl
website: www.esperanto-nederland.nl

Bijdragen (minimaal € 5,-- per jaar) kunnen overgemaakt worden naar de Triodos Bank op rekeningnummer IBAN: NL10 TRIO 0786 8441 67 ten name van Esperanto Nederland te Monnickendam, o.v.v. Vriend van Esperanto Nederland.

**Aanmeldingsformulier Vriend van Esperanto Nederland**

Voor- en achtenaam: ..........................................................................

Adres: ....................................................................................................

Postcode en woonplaats: ....................................................................

E-mailadres: ..........................................................................................

## ERARO

En la pasinta numero la retadreso de s-ro Hori Jasuo koncerne lian Esperanto-Sumoo-n suferis eraron: forfalis la streketo. Tial jen denove:

HORI Jasuo (s-ro) 371-0825 Japanio, Gunma, Maebasi, Ootone 2-13-3
hori-zonto@water.sannet.ne.jp

# NEKROLOGO
# A.(TON) VERWOERD

(4 junio 1930 - 7 septembro 2013)

En la Jubilea jaro 1987 la pola infangrupo 'La Pieninoj' restadis kelkajn tagojn en Heemskerk, ĝuante - dank' al Joke Hoobroeckx, la edzino de la urbestro - interalie regalon; kaj en aprilo 1988 ilia instruistino S. Majerczak petis la bazlernejan instruiston Ton Verwoerd klaskorespondi. Tiu instruis al du filinoj de fam. Hoobroeckx kaj kun siaj lernantoj jam antaŭe, en la zamenhofa tago 1987, vigligis la inaŭguron de la nova strato Zamenhof (nomo proponita de Nora Bartels) per Esperantaj deklamado kaj kantado en la apuda maljunulejo Sint Agnes. Vere entuziasma Ton Verwoerd fariĝis pro tri provlecionoj de Audrey Childs-Mee kaj la sukcesa jarkurso de Ko Hammer (1988) al 18 lernantoj el lia klaso. Provinte plurajn porinfanajn kursojn li evoluigis la propran kaj post la aliĝo de Marianne van Gemert, lerta ĝidanto de infanĥoro kaj ludilkreanto, ĉiel provis instrui Esperanton al la posta generacio, laŭ li la plej grava aktivado. Kiam ne plu eblis sialerneje (la inspektoro kontraŭis, timante tropeziĝon de la lerneja programo), ankaŭ al lernantoj de du aliaj bazaj lernejoj. Lokojn li trovis sinsekve en kvartaldomoj kaj paroĥa domo. La geinstruantoj multe variigis la lernadon per kantoj, dancoj, rolludoj, desegnado (por eksterlandaj ekspozicioj aŭ konkursoj), klasa korespondado (Bulgario, Rusio, Usono, Rumanio...); la infanklubа revueto "Trans la limon" disiris tra la mondo, per infanfestoj, sed ankaŭ per internaciaj eventoj, kiel Internaciaj Infanaj kongresetoj. Dekomence li kunlaboris kun Charlotte Kohrs (Usono, "Infanoj ĉirkaŭ la mondo) kaj fine ebligis al la rumano Mihai Trifoi partopreni la projekton Fundapax: Tiu invitis lin al Bixad kaj ĉe la tria fojo (1997) ili kune plenumis tre sukcesan someran kurson al pli ol 40 lernantoj, kombinante komputillecionojn kun Esperanto (kiel poste okazis por indixgenaj tribestroj en Nederlando: "Indiĝenaj Dialogoj" (2000)).

Impona aktivado, por kiu li sin disponigis kiel estrarano: Por NGGE li fariĝis tia pri infaninstruado 1991-1996, poste kaskontrolis: tiel li ricevis subvencion por la tamen kostaj renkontiĝoj; en la Fondaĵo "Esperanto en la instruado" li kunestris, ĝis ĝi indignige rezignis pri instruado en elementaj lernejoj.

Inter lia verkaro ni trovas;

1988 "Dudek kvin kantoj kaj poemoj"

1992 "La Jozefidoj kantas"

1993 "Esperantaj kantoj"

1996 "Vivu la kanto/ 45 porinfanaj kantoj en Esperanto kun muziknotoj kaj didaktikaj sugestoj"

Cetere: 1989 "Europa en Esperanto. Debat in Nantes met Michael Cwik, Claude Piron en Angelos Tsirimokos" (Eŭropo kaj Eo)

1990 "Kiel papilioj: dulingvaj mallongaj rakontoj de nederlandlingvaj verkistoj" (kunlabore kun NEJ, nederlandaj E-junuloj)

1990 "Oreroj el Nederlando: dek ses porinfanaj poemoj" (la unuaj du en traduko de Nora Bartels)

1993 (aprilo) "Kiel instrui Esperanton al infanoj hodiaŭ"

1994 "Mondiaal", lia ĉefa kurso.

"Lerni ludante I en II"  (pri lud-lerniloj, du artikoloj tradukitaj el IPR 2000/ 1 kaj 2)



La lokan klubon li servis kiel redaktoro kaj sekretario, krome li sukcesis efektivigi Esperanto-benkon kaj kun aliaj Esperanto-monumenton ĉe la strato Zamenhof.

En la ĉiam allogaj kursosemajnfinoj de Nederlanda Esperanto-Asocio/Esperanto Nederland li foje instruis krei hajkojn.

Poste li engaĝiĝis ankaŭ por la agado de la samurba Jacques Tuinder: "Evidente" (kontraŭ nenecesa blindeco, ĝenerale helpe al vidhandikapitoj en la plej malriĉaj landoj) kaj helpe al Hans Bakker por la Lernejo en Togolando. Ankaŭ la agado kontraŭ soldatigo de infanoj trovis varman pledanton en Ton: aperos plurlingva broŝuro pri ĝi.

Ĉe lia funebro parolis familianoj, poste Rob Moerbeek, kiu ankaŭ tradukis la alparolon de "la frato de Ton", Mihai Trifoi, por ĉi lasta okazo alveninta el Rumanio, kaj Joke Hoobroeckx, kies sur-aŭta gluafiŝo "Atomenergio: Ne, dankon!" komence memorigis Ton pri la iam eklernita internacia lingvo.

Post la forpaso de sia edzino Annie li perdis la energion (2006) kaj - kiel diris Joke Hoobroeckx - nur tiam ni rimarkis kiom li kontribuis al la Esperanto-vivo en Nederlando.

Rob Moerbeek.

